# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**




**N-ro 68**
**Bulteno de KAEM**
**Julio 2010**

--------------------------------------------------------------------

# Granda Sukceso la 6a Azia Kongreso en Mongolio



# Ĉiu Devas Agadi sur Sia Propra Tereno

Prezidanto de KAEM, SASAKI Teruhiro




Mi estas elektita kiel la nova prezidanto, ne laŭ mia kapablo, sed laŭ tio, ke mi estas japano. Sed tio ne estas bona tendenco. Jam tempas, ke la prezidanto devas aperi el aliaj landoj.

**(Foto: fotita de s-ro Arai Toŝinobu)**

Eksa prezidanto, s-ro Lee Jung-kee, intencis "verdigi Azion", proponante, ke "unue, KAEM daŭre semos Esperanton en ne-viglaj kaj malfortaj landoj en Azio; due, KAEM vigligos fakajn kunsidojn; trie, KAEM subtenos junularan movadon en Azio". Mi heredas, kompreneble, tiujn celojn.

Sed mi esperas al progresintaj landoj, ekzemple, al Ĉinio, Vjetnamio, Israelo, Barato, Orienta Rusio, Koreio kaj Japanio, por ke ili mem plue fortigu sian Esperantujon ene de sia teritorio. Se unu el ili sukcesus igi Esperanton la dua aŭ la tria deviga lingvo en lernejoj, la tuta mondo tuj verdiĝus por sukcese komerci kaj negoci kun ĝi. Laŭ mia opinio nun pli proksimaj al ĉi tiu celo estas Ĉinio kaj Vjetnamio. Se plimultiĝos esperantistoj en Ĉinio kaj en Vjetnamio, ekonomie mirakle disvolviĝantaj, tiam do la aliaj landoj, kiuj havas la ekonomian rilaton, devos enkonduki Esperanton en siajn firmaojn kaj fabrikojn. Mi ne diras pri la tuta Ĉinio aŭ la tuta Vjetnamio. Se unu el gravaj fabrikoj kaj firmaoj en tiuj landoj decidos uzi Esperanton kiel unu el komunaj lingvoj, tiam japanaj, koreaj, kaj eŭropaj firmaoj devos lerni Esperanton! Por tio japanoj kaj koreoj devas disvastigi Esperanton al siaj kompanioj, havantaj ekonomian rilaton kun aziaj landoj. Tio signifas, ke ĉiu devas agadi sur sia propra tereno kaj fari ĉion, kion ĉiu povas ĉirkaŭ si.

Baldaŭ okazos la Universala Kongreso en Vjetnamio en 2012. KAEM devas subteni laŭeble la UK-on. La sekva Azia Kongreso

estos okazigita en 2013 en Israelo, la plej fora okcidenta Azio. KAEM firme subtenas israelajn samideanojn, kiuj nepre konkeros ĉiun ajn malfacilaĵon sur la vojo al AK.

Mi tre esperas, ke en aziaj landoj plivigliĝos la Esperanta movado. Por tio KAEM-anoj strebas labori kiel eble plej multe. Mi mem estas ne forta, kiel la gvidanto, sed ĉe mi estas la forta teamo de KAEM-anoj, kiuj povas sufiĉe plenumi sian taskon. Ni kune ordigos la vojon al la riĉa estonta Azia Esperantujo. Mi petas de ĉiuj helpon al KAEM.

## La Kongresa Temo
## "Azia Harmoniiĝo per Esperanto"

HORI Jasuo: Estrarano de UEA pri landa kaj regiona agadoj

**Retrorigaro de la historio de KAEM**



Berlina Muro detruiĝis la 9an de novembro 1989, kaj de tiu tempo komenciĝis harmoniiĝo inter landoj apartenintaj al la du malsamaj reĝimoj. Post la dua mondmilito ne okazis milito en Eŭropo, sed en Azio militoj oftis: okazis civila milito en Ĉinio, Korea Milito, Vjetnama Milito, Milito inter Irano kaj Irako kaj aliaj malgrandaj militoj kaj konfliktoj inter kelkaj landoj. Ĉinio estas socialisma lando, en Sud-Koreio longe ekzistis diktatoraj registaroj, kaj Japanio estis duone regata de Usono. Tiuj faktoj malfaciligis harmonian rilaton inter tiuj tri landoj. Sed finfine venis tempo por paŝi por amikeco kaj harmoniiĝo.

Eble la eldono de nia unua numero de "Esperanto en Azio" en 1990 estis hazarda koincido kun la ŝanĝiĝo de tiu monda situacio, sed simbolas la malfermon de la nova epoko. Profitante tiun bonan fluon KAEM fondiĝis en 1994 kun 4 landaj asocioj apartenantaj al UEA, kaj la unua historia Azia Kongreso okazis en 1996 en Ŝanhajo.

Poste AK ritme okazis, nome en 1999 en Hanojo, Vjetnamio, en 2002 en Seulo, Koreio, en 2005 en Katmando, Nepalo, en 2008 en Bengaluro, Barato kaj ĉi-foje en 2010 en Ulanbatoro, Mongolio.

**Kongresaj temoj reflektas la mondan situacion**

Jen estas la kongresaj temoj en la pasintaj Aziaj Kongresoj. Vi povas vidi klare la mondan situacion, kiu speguliĝas en tiuj temoj.

Azio kaj la 21a jarcento (1996, Ĉinio).
Kunlaboro por paco, stabileco kaj disvolviĝo (1999, Vjetnamio)
Interkompreniĝado inter kulturoj (2002, Koreio)
Mondpaco el la monttegmento Himalajo (2005, Nepalo)
Esperanto en multlingva Azio (2008, Barato)
Azia harmoniiĝo per Esperanto (2010 Mongolio)

Dum tiuj 14 jaroj "paco, stabileco kaj disvolviĝo" progresis, kaj nun ni venis al la tempo por pripensi "Azian Harmoniiĝon".

**Kvar elementoj por krei harmoniiĝon**

1. Paco: Esperanto kreskas kaj evoluas nur en paco, do esperantistoj devas labori ne nur por Esperanto sed ankaŭ por paco.
2. Homeca vivo: Kiam esperantistoj vivas en mizeraj kondiĉoj, ili ne povas lerni Esperanton. Ni devas multe danki al la ekonomia progreso en ĉiuj landoj en la ĝenerala paca etoso en Azio.
3. Interreto: Esperanto estas komunikilo inter alinacianoj. Interreta epoko duoble, trioble grandigis la valoron de Esperanto. Do ni uzu plej diversmaniere la reton por amikiĝi unu kun la alia kaj por disvastigi Esperanton
4. Unika karaktero de Esperanto: Esperanto estas facile lernebla kaj krome ĝi havas internan ideon, kiu ligas alilandanojn firme sen malegaleco.

Realigo de "Azia Harmoniiĝo" multe dependas de ni, esperantistoj. La rolo de Esperanto kaj la rolo de esperantistoj estas vere gravaj. Konsciante tiun gravecon, ni lernu, amikiĝu, laboru dum la kongreso kaj revenonte hejmen, faru ĉion por la harmoniiĝo per nia kara lingvo Esperanto.

# Kiel Ni Ĝuis la Kongreson

La kongresaj tagoj rapide pasis jene.

**La 19an, sabate,** okazis Interkona Vespero en la salono de la hotelo kun gajaj babiladoj kaj kantoj kun tasoj da biero. La etoso estis tre internacia kaj amika, kaj aŭguris la sukceson de la kongreso.

**La 20an, dimanĉe,** malfermiĝis la 6a Kongreso per la saluto de la prezidanto s-ro Lee Jung-kee, kaj sekvis ĝin gratulsaluto de la ĉefministro de Mongolio s-ro Sukhbaatar Batbold (anstataŭanto legis ĝin), mesaĝoj de UEA-prezidanto s-ro Probal Daŝgupta, ILEI-prezidanto s-ro Stefan MacGill kaj eksa UEA-prezidanto Renato Corsetti. Poste s-ro Hori Jasuo, eksa prezidanto de KAEM kaj estrarano de UEA pri landa kaj regiona agadoj, parolis pri la kongresa temo "Azia harmoniiĝo per Esperanto". Poste landaj reprezentantoj salutis kaj finiĝis la inaŭguro per laŭta kantado de la himno "La Espero".

En la unua tago jene okazis kunsidoj kun jenaj respondeculoj: Kongresa Universitato (Sasaki Teruhiro), Mongola Historio (Dagva Gereltogtokh), Ĝemelaj Urboj (Nakacu Masanori), Junulo (Okuŭaki Toŝiomi), Mongola Ekspres 1 (Myagmar Altantsetseg), KAEM nepublika, Rememore al LEE Chong-yeong (Park Yong-song), Konversacio (Renee Triolle), Kaligrafio en la tuta Azio (Hori Jasuo).




**Foto: de dekstre japane, mongole, koree, ĉine, japane kaj sube vjetname, ĉiuj same signifas "amikon".**

Vespere okazis Nacia Vespero en la armea teatro. Muzikistoj kaj dancistoj apartenantaj al la mongola armeo montris siajn mirindajn artaĵojn al la kongresanoj kaj poste esperantista

knabina pianisto ludis pianon mirinde bele.

**En la dua tago, la 21an,** okazis jenaj fakkunsidoj: Oomoto (Agou Takaŝi), Tajvano, mirega insulo (Cho Chao-ming) Konversacio (Renee Triolle), Ŭonbulismo (Kim Kwang-soo), Amikaro de Bruno Groening 1 (Edith Henrici), Verduloj (Mireille Grosjean), Bahaismo (Paul Desailly), Transkontinenta trajn-vojaĝo (Loskutova Tatjana), Ekzamenoj de ILEI/UEA, Komerco (Wang Tianyi), Instruisto (Ĉieko Iŝikaŭa kaj Mireille Grosjean), Skajpanoj (Liu Baoguo), Seula Esperanto-Kulturcentro (Lee Jung-kee), Konversacio (Mireille Grosjean), Mongola Eksprese 2 (Myagmar Altantsetseg).

Vespere okazis Aŭkcio (Tahira Masako), kies profito (180 eŭroj+16 dolaroj+163000 tugrikoj) iris al UEA-konto "Espero" por savi esperantistajn viktimojn en katastrofoj, kaj Oratora Konkurso, en kiu s-ino Franciska Toubale el Aŭstralio estis aljuĝita kiel la unua premiito el 3 parolantoj. Sekvis kantoj, dancoj kaj akrobataĵoj fare de geknaboj, kiuj devenas de malriĉa kvartalo kaj estas vartitaj kaj gvidataj de iu bonkorulo. Iliaj ludoj fascinis la spektantojn.



**En la tria tago, la 22an,** okazis Konversacio (Renee Triolle), UHA (Inagaki Yasuhiro), El la retaj projektoj japanaj por Esperanto (Ŝibajama Ĵuniĉi), Rinchen kaj Dogsuren (Deshigsuren Ganbaatar), Kuracisto (Harada Hideki kaj Park Wha-chong), KAEM-publika, Mongola arto kaj kulturo (Dagva Gereltogtokh), Propedeŭtika valoro de Esperanto (Mireille Grosjean), Tabloteniso-amantoj (Cuda Masao kaj Isogai Naotake), Mongola Esperanto-movado (Dagva Gereltogtokh), Esperanto en UNESKO (Renee Triolle), Konversacio (Mireille Grosjean), Amikaro de Bruno Groening 2 (Edith Henrici).

Vespere okazis Internacia Vespero. Komence pli ol dudek partoprenantoj parade montris sin en sia nacia kostumo, kaj poste ili montris siajn diversajn talentojn; muzikludojn per saksofono, trumpeto, violono, pajnoŝalmo, akordiono kaj etnaj, nekutimaj mondaj muzikiloj, fasonparado de kimono-virinoj, maniero vesti sin per kimono, Noa danco (japana tradicia teatraĵo), Tajĝiĉuano ktp. Ege amuze pasis la vespero.

**(Fotoj en la 6a kaj 7a paĝoj: fotitaj de s-ro Arai Toŝinobu)**



**En la lasta tago, la 23an,** okazis la Fermo. En ĝi la nova prezidanto prof. Sasaki Teruhiro el Japanio salutis al la kongresanoj, prezentinte la novajn komisionanojn de KAEM. Poste LKK-anoj estis invitataj al la podio kaj aplaŭditaj. Ĉiuj programeroj tro glate antaŭeniris kaj post unu horo la fermo estis deklarita, sed la ĉeestantoj ne volis forlasi la kongresejon. En tia etoso aperis knaba violonisto kaj ludis belege. Tio akcelis la malemon adiaŭi kaj laŭ la bona gvido de la nova prezidanto partoprenantoj sinsekve parolis pri sia impreso de la kongreso, alvokis partoprenon en pacmovadon, ktp. Meze la estro de LKK, s-ro Enkhee, dankis al la kongresanoj kaj ŝajne la kongreso finiĝis, sed ne. Sekvis aliaj kaj fine dana muzikisto ludis akordionon, japana muzikisto kantigis al la ĉeestantoj infankanton kun danceto kaj ĉinino kantis sian etnan kanton, kaj finfine la eksa kaj la nova prezidantoj krie deklaris la fermon de la kongreso al la mikrofono. Kun grandaj aplaŭdoj la ĉeestantoj fine stariĝis el sia seĝo kaj forlasis la kongresejon. Estis mirige, ke la prezidantoj devis deklari la fermon tri fojojn. Tio estis senprecedenta afero en la historio de Esperanto. Tiom la kongreso sukcesis kun abunda enhavo kaj amikeco.

# Tra Tiu Ĉi Kongreso Kion Ni Gajnis?

LEE Jungkee (eksa prezidanto de KAEM)



Kiel la organizanto de tiu ĉi kongreso mi ne kuraĝas diri, ke la 6-a Azia kongreso de Esperanto estis plene sukcesa, sed mi diru, ke la kongreso estis aplaŭdinda.

**Tra tiu ĉi kongreso kion ni gajnis?**

Unue, ni aziaj esperantistoj retrovis sian potencialan forton, kiun ili havas; kiel kunlabori inter aziaj esperantistoj, kiel organizi kongreson kaj kiel plekti kongresajn programerojn.

Due, KAEM, kiu estis fondita antaŭ 16 jaroj, sufiĉe enradikiĝis en la koro de aziaj esperantistoj. Oni pritaksas, ke KAEM estas unu el la kompetentaj regionaj komisionoj kadre de UEA. Gvidate de Puramo CHONG, TAKEUĈI Joŝikazu kaj HORI Jasuo, KAEM kreskis ĝis hodiaŭ senpaŭze.

Trie, ni aziaj esperantistoj mem rimarkis, ke altigi lingvo-kapablon de Esperanto estas necese por enviciĝi en la internaciskalan Esperanto-movadon.

Kvare, tra tiu ĉi kongreso ni gajnis novajn samideanojn ne nur en Azio sed ankaŭ ekster Azio, kiuj venis al Mongolio por flari aziecan esperanto-etoson kaj kulturon. Aparte mi esprimas mian koregan dankon al la neaziaj esperantistoj, kiuj riĉigis tiujn ĉi kongresajn programerojn.

**Ĉu ni vidu kio okazis dum la kongreso?**

32 fakaj kunsidoj pri Esperanto, movado, literaturo, religio, junulara movado, kaligrafio, konversacio, mongola kulturo, Nacia kaj Internacia Vesperoj kaj mongola lingvo kaj eĉ faka kunsido “tablo-teniso” okazis dum la 5 tagoj. Krome, buntaj artaj aranĝoj, oratora konkurso, aŭkcio por la viktimoj en Haitio kaj ekskursoj ĝojigis nin.

Tra tiu ĉi kongreso, ni renkontis pionirojn de la mongola Esperanto-movado Khayankhirvaa, Rinĉen kaj Dogsuren, kiuj semis Esperanton en Mongolio. Ili vere sopirus dum sia vivo vidi hodiaŭan renkontiĝon de verduloj en sia patrujo. Mi firme kredas, ke ili estus ĝojaj kaj feliĉaj rigardante tiun ĉi kongreson sur la ĉiela regno.

La 7-a Azia kongreso de Esperanto okazos en Israelo en la jaro 2013. Simbole tio diras, ke azia movado migradas de ekstremoriento al ekstremokcidento, kio povos esti festo en la okcidenta parto de Azio.

Dume, nove elektita teamo de KAEM gvidota de prof. SASAKI Teruhiro estas sufiĉe fortika por progresigi la azian movadon.

Por verdigi Azion, ni senpaŭze antaŭen marŝu kaj bonvole diru al viaj geamikoj, ke la 6-a Azia kongreso de Esperanto estis fruktoplena kaj amuza.

la 23-an de junio, 2010

## La Nombro de Aliĝintoj

La nombro de la aliĝintoj estis 254 el 33 landoj kaj la efektivaj partoprenantoj estis 215 el 27 landoj.

Aŭstralio 2, Bangladeŝo 2, Barato 2, Belgio 1, Ĉinio 24 (+ Honkongo 1 kaj Tajvano 2), Danio 1, Filipinoj 1, Finnlando 6, Francio 20, Ganao 2, Germanio 5, Hispanio 3, Israelo 1, Italio 17, Japanio 75, Kazaĥio 1, Koreio 20, Kroatio 1, Litovio 1, Mongolio 42, Nederlando 2, Nepalo 5, Nord-Koreio 2, Pakistano 2, Portugalio 3, Rusio 2, Srilanko 1, Svedio 1, Svislando 3, Usono 1, Vjetnamio 2

* 2 el Nord-Koreio en efektiveco estas simpla aliĝintoj al la kongreso, kiuj montris artaĵojn el Nord-Koreio en la kongresejo.

## Novaj KAEM-anoj kaj la Postaj Kongresoj

Dum la kongreso okazis fermita KAEM-kunsido, en kiu oni decidis ĉefe jenajn aferojn.

**1. Novaj estraranoj de KAEM**

Prezidanto: SASAKI Teruhiro (Japanio)
Vicprezidanto:
WANG Ruixiang (Ĉinio), Hoang Ngoc Boi (Vjetnamio)
Sekretario: PARK Yong-sung (Koreio)

**2. Taskoj de la estraranoj**

1. S-ro Park Young-sung: Sekretario, TTT-ejo
2. S-ro Hoang Ngoc Boi: Vicprezidanto, Projekto Ĉ
3. S-ro Wang Ruixiang: Vicprezidanto, Projekto D
4. S-ro Ranganayakulu: Kasisto
5. S-ro Sasaki Teruhiro: Prezidanto, Projekto B, Projekto C (UEA)
6. S-ro Muhammad Zubair:
   Projekto Ĉ (Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj)
7. S-ro Reza Torabi:
   Projekto C (Rilate al ILEI, Membrigi junajn esperantisojn en Azio al ILEI. Subvencii al la partoprenantoj de UK aŭ ILEI-konferenco pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono)
8. S-ro Mukunda Raj Pathik:
   Projekto C (Rilate al ILEI kunlabore kun s-ro Reza Torabi)
9. S-ro Fajzullaev Ghamshid:
   Projekto A (Kunlabore kun s-ino Esther Sebban)
10. S-ino Esther Sebban:
   Projekto A (Okazigi Azian kongreson en Israelo en 2013, partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp. per la subvencio el Fondaĵo Azio)
11. S-ro Chimedtseren Enkhee:
   Projekto Ĉ. Kunlabore kun s-ro Muhammad Zubair

Honoraj prezidantoj: Puramo CHONG, HORI Jasuo, LEE Jungkee

(Ili povas ĉeesti ĉiujn kunsidojn kaj paroli sian opinion, sed ne rajtas voĉdoni.)

"Esperanto de Azio":
La redaktisto Hori Jasuo kun s-ino Tahira Masako kaj s-ro Isino Yosio (Japanio).
"Jarlibro de KAEM": S-ro Hori Jasuo
Ĝemelaj urboj: s-ro Wu Guojiang (Ĉinio)

**3. La postaj Aziaj Kongresoj**

1. La 7-a Azia Kongreso de Esperanto okazos en Israelo en 2013 por eviti la kolizion kun la UK en Hanojo en 2012.
2. Poste AK okazos daŭre en ĉiu dua jaro.

## Adiaŭa Saluto de s-ro LEE Jungkee

La 6-a Azia kongreso de Esperanto estis finita, sed la kongreso donis novan esperon al ni, aziaj esperantistoj. Mi ne dubas, ke aziaj esperantistoj povos kontribui por tutmonda Esperanto-movado. Preskaŭ en ĉiuj landoj en Azio troviĝas esperantistoj, kiujn vi povas renkonti fizike aŭ kun kiuj vi povas amikiĝi pere de retaj komunikiloj. Nenie plu troviĝas izolitaj esperantistoj en Azio dank' al interreto. Mi firme kredas, ke iam baldaŭ venos la epoko de Azio ankaŭ en Esperantujo. Por tiu epoko, ni, aziaj esperantistoj jam devas prepari sin.




Adiaŭante KAEM-n, mi kore dankas al vi ĉiuj, kiuj kunlaboris dum du jaroj kun mi kaj sincere

mi petas de vi, ke ni ĉiuj helpu novan teamon, kiun prof. Sasaki, nova prezidanto de KAEM, gvidos.

**(Foto: transdono de la flago de s-ro LEE Jungkee al la nova prezidanto s-ro Sasaki Teruhiro. Fotita de s-ro Arai Toŝinobu)**

## Brokantaj Libroj Donis Profiton al Mongola Esperanto-Societo

Japana Esperanto-Instituto vendis dum la 6a Azia Kongreso ĉirkaŭ 100 librojn je favora prezo de 1 eŭro, 1 dolaro aŭ 1500 tugrikoj (MNT). Kvankam ili estis plejparte brokantaĵoj, kaj tamen valoraj romanoj, eseoj ktp. Preskaŭ ĉiuj estis venditaj kaj kolektiĝis 29 eŭroj, 33 dolaroj kaj 68 500 MNT. Krome facilaj legaĵoj estis donacitaj al mongolaj AK-helpantoj. La sumo kaj restantaj 4 libroj estis donacitaj al Mongola Esperanto-Societo ĉe la ferma soleno de AK6.

La libroj estis dividitaj en dek pakaĵojn, kaj dek japanoj portis ilin po unu. Iuj donacis monon sen aĉeti libron, kaj aliaj donacis librojn, por ke ni vendu ilin. Iŝino Joŝio esperanto@jei.or.jp

## Azia Medicina Esperantista Asocio Estis Fondita

En la fakkunsido de medicinistoj Azia Medicinista Esperanto-Asocio (AMEA) estis fondita. Ĉeestantaj 11 homoj aprobis la fondon kaj decidis jenan estraron:

Prezidanto: HARADA Hideki (Japanio)
Vicprezidanto: PARK Wha-Chong (Koreio),
ZHENG Bocheng (Ĉinio)
Sekretario: KOBAŜI Rjootaroo (Japanio)

Dum du tagoj antaŭ la AK s-ro Kobaŝi malfermis sian “klinikon” en hospitalo Skbal en Ulanbatoro kaj konsiliĝis kun 25 mongolaj malsanuloj. Tiun agadon iniciatis s-ro PARK.

Agadoj de AMEA aperos en la TTT-ejo de KAEM.

## Japanio

### La 59a Tookai-Kongreso

La 59a Tookai-Kongreso okazis la 22an-la 23an de majo en la urbo Higaŝiura en la gubernio Aiĉi (en la mezo de Honŝuu-Insulo) kun la partopreno de 20 homoj.



Post la Inaŭguro prelegis s-ro Juasa Norihisa laboranta en la oficejo de higieno kun la temo "Hejma higieno". Poste ok membroj de Ĉambro Ĉarma grupe legis tri ĉinajn rakontojn. Dum "la Tempo de partoprenantoj" ĉiuj parolis pri si kaj aliaj aferoj. S-ro Jamada Tadaŝi gvidis la partoprenantojn pri la kanto "Sonorilo de Nagasaki", temkanto de la 96a Japana Kongreso okazonta en oktobro, temanta pri la atombombo en Nagasaki.

En la dua tago ni planis flugigi kajton, sed bedaŭrinde pluvis, do ni rezignis tion kaj anstataŭe en la ĉambro okazis permana ciferludo de s-ro Gotoo, vortludo per memfaritaj vortkartoj de s-ro Saiki Akira kaj bingo de s-ino Saiki Masajo.

Pri la 60a Tookai-Kongreso zorgos esperantistoj en la urbo Ena aŭ la grupo Ĉambro Ĉarma.

Isobe Akira

### L a 59a Esperanto-Kongreso en la Regiono Kantoo

La 5an - la 6an de junio okazis la 59a Esperanto-Kongreso en la regiono Kantoo (kiu inkludas Tokio-n kaj la ĉirkaŭajn 6 guberniojn) en la urbo Ĉoohu en Tokio kun la partopreno de 139 homoj (efektivaj partoprenantoj: 85).

En la unua tago okazis ĝenerala kunsido de la Ligo, en kiu ni decidis la planojn en 2010. Vespere ni havis bankedon en la najbara

restoracio, en kiu partoprenis 17 homoj. Ni manĝis kaj drinkis, montrante niajn talentojn, kaj gaje pasigis 3 horojn.

En la dua tago ni havis jenajn programerojn:

1. Malferma ceremonio: himno, salutoj de la prezidantoj de la Ligo kaj de Japana Esperanto-Instituto, salutoj de eksterlandaj partoprenantoj el Ĉinio, Rusio kaj Israelo, kondolenco al la forpasintaj esperantistoj dum la pasinta unu jaro.
2. 5 kunsidoj (koncerto de mandolino, Esperanto-kantoj, hietori-terapio, Tajĝiĉuan, sciencistoj/medicinistoj).
3. Prelego de s-ro Bill Mak, kiu devenas de Honkongo kaj nun studas Baratan filozofion en Universitato Kioto en Japanio. Li prelegis pri nekonata historio de Ĉinio en la periodo de 1946-1976.
4. Promenado en la historia loko de la urbo Ĉohu.

La nombro de partoprenantoj 139 estis la plej granda dum la pasintaj 10 jaroj. Japana movado suferas pro maljuniĝo, sed ni povas vidi iom da espero en tiu partoprenantaro.

HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

## Kurso de Atilio Interesis Lernantojn



La 29an-30an de majo ni havis intensivan kurson en la urbo Okajama. En ĝi Atilio el Argentino nun loĝanta en Japanio instruis Esperanton al 19 homoj (lernantoj el la lernejo Sanjoo kaj al esperantistoj apartenantaj al Okajama-Esperanto-Klubo). Dank' al la rekta metodo de Atilio lernantoj ekhavis pli da intereso al Esperanto.

Arai Toŝinobu <bin11628@yahoo.co.jp>

# Vjetnamio

## E-kurso de "Eternaj Komencintoj"en Ho Chi Minh

En nia urbo ekzistas paroliga Esperanto-kurso jam daŭranta dum 3 jaroj por grupeto de "eternaj komencintoj" en diversaj jaraĝoj, de 30- ĝis 80-jara. Ili estas emeritoj, komercistoj kaj arkitektoj tre okupitaj sed kun siaj entuziasmo kaj diligenteco ili dediĉas iom da libera tempo ĉeesti en la kurso ĉiusabate kaj dimanĉe posttagmeze. Plejparto de la kursanoj lernas la lingvon nur ĉe la klaso, ne hejme. Ili eluzas mallongan studtempon en la klaso por praktiki Esperanton. Kun la tempopaso kaj kun klopodoj, nun la kursanoj kuraĝe konversacias kaj eĉ povas fari mallongajn prezentojn, malgraŭ kun ne malmultaj eraroj, pri iuj temoj kaj okazaĵoj en la ĉiutaga vivo. Estas laŭdinde, ke iliaj pacienco, lernemeco kaj amo por nia kara lingvo neniam malpliiĝas kaj malkreskas. Nia movado ĉiam bezonas kaj bonvenigas tiajn homojn.

Dao Mai Anh <daomaianh@excite.com>

# Pakistano

## Laborplano por la Jaro 2010

Jen estas la laborplano de Pakistana Esperanto-Asocio por la restaj monatoj de la jaro 2010

1. La 32-a Somera Kunveno de PakEsA okazos la 3an-4an de julio, en la urbo Murree. Tie ankaŭ okazos la 2-a estrara kunsido.
2. La 3a estrara kunsido okazos la 3an de oktobro en la urbo Lahore.
3. La 33a Jara Kongreso okazos la 24an-26an de decembro en la urbo Multan. Tie ankaŭ okazos la 4-a estrara kunsido.

Tariq Umar Chauhdry <pakesa@yahoo.com>
Centra Oficejo de PakEsA.

# Indonezio

## Heidi Refoje en Indonezion

Post la sukceso de la kursoj en Indonezio novembre lastjare (vidu www.ipernity.com/blog/edukado.net/201669), Heidi planas plian instruvojaĝon septembre-oktobre ĉi-jare. Ŝi planas reiri al kiel eble plej multe el la samaj urboj, kaj eventuale aldoni unu-du aliajn urbojn, kie nun junaj homoj mem eklernis post sciiĝo pri la lingvo pere de la grupo en Facebook:
www.facebook.com/group.php?gid=205294336248, instrui kaj, se estas interesiĝo, ankaŭ okazigi ekzamenojn.

Ĵus aperis intervjufilmo, en kiu Katalin Kováts, kiu flanke de edukado.net helpis prepari la metodikan parton de la instruvojaĝo, parolas kun Heidi pri ŝiaj preparlaboro, spertoj kaj rezultoj. La filmo donas utilajn ideojn pri tiutipa laboro por vojaĝantaj instruistoj kaj enrigardon pri la movada vivo en Indonezio. Ĝi spekteblas ĉe: www.ipernity.com/doc/edukado.net/home/video.

La filmo estas ankaŭ aĉetebla kontraŭ 20 eŭroj, sumo per kiu vi subtenas la novan instruvojaĝon (lernomaterialojn, ekzamenkotizojn...) La subtenmono sendeblas al UEA-konto 'hego-v' kun klara mencio de la celo: 'Heidi en Indonezio' aŭ la DVD-oj pageblas ĉe transpreno ĉe iu el la E-aranĝoj kie ili aĉeteblas. Rigardu por la listo de tiaj aranĝoj kaj pliaj informoj ĉe http://edukado.net/anoncoj/23292.

Ankaŭ eblas subteni la vojaĝon ĝirante vian kontribuon al la Fondaĵo Azio de UEA, same kun mencio 'Heidi en Indonezio'. Tiam vi ne ricevos la filmon, sed povas subteni ankaŭ per pli malgranda sumo. Heidi Goes heidi.goes@gmail.com

**Poemoj kaj eseoj de indonezia poeto videblas**

Saluton! Estas plezure denove skribi al vi. Bedaŭrinde nun mi havas nenion por raporti el Yogyakarta, Indonezio. Sed mi havas novan eseon en mia blogo kaj poemojn en mia esperanto-poezia blogo. Yohanes Manhitu (Johano) <ymanhitu@yahoo.com>

## Ĉinio

# Preparoj por la 6-a Nord-Orienta Ĉina Kongreso

La 25-an de aprilo 2010 sub la alvoko de Liaoninga Esperanto-Asocio (LEA), la pinta estrarkunveno de la Esperanto-organizaĵoj de tri provincoj kaj unu regiono por la 6-a NOĈK (8.20 ~ 22 / Dandong) okazis en sia sidejo, Liaoninga Universitato. En 3 horoj la estraranoj streĉe kaj varme diskutis pri programo de la kongreso, kaj konfirmis fakkunsidojn kaj siajn programerojn. La ĉefaj estraranoj de Dandong-Esperanto-Asocio invitite ĉeestis la kunvenon. S-ro ZHANG Wei, honora prezidanto de LEA kaj vicestro de Liaoninga Universitato, gastigis la kunvenintojn per riĉa tagmeza bankedo, kaj instigis ilin bone organizi la kongreson kaj aktive kolekti spertojn por la eventuala okazo de internacia Esperanto-aranĝo.

La 26-an de junio 2010 finfabrikita estis dekminuta filmeto pri situacia demonstra Esperanto-instruado de Liaoninga Universitato. Shenyanga Televida Stacio speciale sendis du kameraistojn por la filmeto. Oni ĝuos ĝin en la 6-a NOĈK kaj tra ĝi scios iom pri Esperanto-instruado en altlernejoj de la provinco Liaoning.

Wu Guojiang <amikeco999@21cn.com>

# Esperanto en Ekzameno de la Angla Lingvo

La 19-an de junio 2010 okazis la tutlanda universitata ekzameno de la angla lingvo (bendo-6) en Ĉinio. Ĝia aŭdado koncernis Esperanton. Mallonga teksto voĉlegita de du ne-ĉinoj (unu viro kaj unu virino) prezentis la kreinton, evoluon kaj rolon de Esperanto, influon de Ĉinio al Esperanto kaj originon de la Esperantolingvaj vortoj. Aŭskultinte la tekston ekzamenitoj faris respondojn al tri demandoj: 1. Kion la parolantoj diras al ni pri Esperanto? 2. Kio estas dirata pri la internacia movado akceli uzadon de Esperanto? 3. Kion la parolantoj diras pri Esperanto en Ĉinio? La teksto, levitaj demandoj kaj resta tempo por respondo de la ekzamenitoj entute daŭris 3 minutojn.

Kelkaj studentoj en Liaoninga Universitato, kiuj elektis Esperanton kaj Evoluan Historion de Esperanto kiel nedevigajn studobjektojn, partoprenis la ekzamenon. Poste unu studentino tuj diris tion al la Esperanto-instruistino. Ŝi ĝoje diris: “Dank’ al partopreno en la Esperanto-kurso de la universitato, estas facile por mi respondi tiujn tri demandojn, kvankam mi ne povas kompreni kelkajn vortojn de la teksto”.

Mi ne scias, ĉu la sama sperto okazis en aliaj universitatoj, kiuj enkondukas Esperanton, sed certas, ke oni klare konscias valoron kaj rolon de la Esperanto-ekzisto, kaj per diversaj metodoj aktive disvastigas ĝin. Aliaflanke tio pruvas, ke estas signifa funkciigi Esperanto-kurson en altlernejoj.

Wu Guojiang <amikeco999@21cn.com>

## La 2a Junulara Seminario de Esperanto en Harbino

“Majo estas bela sezono. Majo estas espera sezono, same kiel Esperanto, simbolas esperon, amikecon kaj pacon.”

Per la helpo de sinjorino Song Ping kaj ĉiuj studentoj de Scienca Teknika Instituto de Heilongjiang-a Provinco, la 2a Junulara Seminario de Esperanto okazis je la 15a-16a de majo, 2010 en la ĉarma urbo Harbino, Nordorienta Ĉinio. La seminaria temo: Esperanto kaj la Ĉina tradicia kulturo. Ĉeestantoj estis pli multaj ol en la lasta jaro, ĉirkaŭ 50. Ĉi-foje la seminario okazis en la feria vilaĝo. Ĉiuj dancis kaj kantis, ĉiuj konis unu la alian, kaj iom post iom ni fariĝis amikoj.

La seminario daŭris du tagojn. En tiuj tagoj mi komprenis, ke Esperanto ne havas limon kaj povas proksimigi nin. Mi estis hazarde elektita kiel la prezidento de la Muzika Vespero, kaj tio donis al mi grandan ŝancon pli lerni Esperanton.

Fine, mi dankas al ĉiuj ĉeestantoj por via subteno kaj kunlaboro. Mi esperas, ke nia amikeco estos eterna. Ni atentas la sekvan kunvenon.

Verkita de Qiao Hui,
Sendita de "songping" <songheshu@126.com>



## Agadoj en Dandong

Matene je la 7:00, la 18an de junio 2010, mi kun 5 kolortabuloj por Esperanto piediris al la strato Xin'an Buxingjie ĉeestigi la 8-an Propagandan Semajnon de Liaoning kaj Dandong.

Ĝuste je la 7:30 antaŭ la kinejo Amikeca mi vidis s-inon Lilia, s-ron Moda kaj aliajn samideanojn. Precipe s-ro Fero (Ŭtieĝun) frumatene de Donggang al Dandong per taksio partoprenis la agadon. Tiam en la strato bruegis pro la Granda Ekspozicio el Liaoning kaj Dandong. Multaj preterpasantoj staris antaŭ niaj kolortabuloj por rigardi fotojn kaj vortojn, kaj poste ili volis lerni Esperanton, kaj niaj samideanoj varme skribis al ili niajn telefon-numerojn kaj retan adreson.

La 6a Nordorienta Ĉina Kongreso de Esperanto okazos apud Jalujiang-rivero la 20an-22aa de aŭgusto 2010. Niaj membroj kaj amikoj de DEA varme bonvenigos vin, esperantistojn kaj amikojn el diversaj landoj, en nia ĉarma urbeto Dandong.

Flago <riveroyalu@hotmail.com>

## Esperantista Interrenkontiĝo en Junio

La 25an de junio 2010, aparta <Esperantista Interrenkontiĝo en Junio de Ĉinio> ĵus estis okazigita en urbego Huhhoto de Ĉinio. Ĉirkaŭ 40 geesperantistoj ĉeestis de diversaj urboj. Ĉeftemo estis retrorigardi E-fruktdonon de fama veterano kun 88 jaroj, s-ro Li Sen, kiu ricevis la unuan eksterordinaran meriton de ĉina Esperanto-Movado.




Ĉeestantoj alte taksis atingon kaj kontribuon por Esperanto-Movado, aparte li subtenis E-eldonan laboron per sia mono propra por prosperigi E-kulturan aktivadon en Ĉinio. Li ne estas riĉulo, nur eksiĝa ĝenerala inĝeniero de Huhhoto-fervoja buroo. Liaj eminenta E-laboro kaj nobla spirito kortuŝas kaj kuraĝigas ĉiun esperantiston tra la lando.

Fama esperantisto s-ro Hu Guozhu faris la ĉefteman prelegon (vid http://www.elerno.cn). Ding Ji <dingjiws@126.com>

## Nepalo

### NEspA Agadas Konstante

**Regulaj kunvenoj**

NEspA, fidele al sia ĝisnuna kutimo, okazigas ĉiusabate kunvenon por membroj kaj gastoj, kiuj havas la ŝancon diskuti specialajn temojn aŭ interŝanĝi novaĵojn kaj opiniojn, kaj tiamaniere ekzerci sin en parolado. En la unua sabato de la nepala monato okazas laŭregula estrara kunveno. En la pasinta periodo NEspA foje organizis oficialajn kursojn, sed ankaŭ individuaj membroj instruis private organizitajn kursojn diversloke.

NEspA havas du filiojn: unu en la orienta parto de Nepalo kaj la alia en la fama kaj belega urbo Pokhara. Ankaŭ ili organizis lingvokursojn.

**En lernejoj kaj universitatoj**

NEspA-anoj kelkfoje faris prelegojn pri Esperanto en diversaj

lernejoj kaj universitatoj. Mi mem prelegis en Katmandu-Universitato antaŭ nelonge. Partoprenis profesoroj kaj lingvistoj, kiuj poste faris interesajn demandojn. Pasintjare mi skribis disertacion pri Esperanto por mia universitata diplomkurso. Ĝia titolo estas "Esperanto: Diskurso pri helplingvo.

Unu el la lingvokursoj organizitaj de NEspA estis enkondukita en la lokan filion de ULBA (Universal Love Brotherhood Association). Partoprenis pli ol dek membroj. Unu el la kursanoj, Manisha Amatya, poste partoprenis la ĉi-jaran Azian Kongreson en Mongolio. La ULBA-anoj ankaŭ invitis nian prezidantinon, Indu Thapaliya, prelegi en sia jara kunveno. Ŝia prelego elvokis grandan intereson inter la aŭskultantoj. La loka filio nun volas organizi regulajn E-kursojn. Ĝi ja jam preparis broŝuron pri Esperanto. Fakte ULBA propagandas Esperanton tutmonde. Do ni devus subteni unu la alian. Dank' al ilia subteno, NEspA estas aperigonta specialan numeron de "Templo" memore al niaj forpasintaj membroj D-ro Keshav Ram Joshi kaj f-ino Apsana Giri.

**Nova KAEM-ano, Vortaro, Himalaja Renkontiĝo**

NEspA elektis novan KAEM-anon ĉi-jare. Indu Devi Thapaliya transdonis sian respondecon al Mukunda Raj Pathik dum nia jara kongreso, kaj samtempe deziris al li grandan sukceson.

En la pasinta jaro NEspA aperigis "Nepali-Esperanto-Vortaron," historian atingon por la loka movado. La vortara komitato (Razen Manandhar, Narendra Raj Bhattarai, Posh Raj Subedi, Shree Prasad Pokharel, Jakob Nordfalk kaj Philip Pierce) laboris surbaze de la malneto kompilita de Razen.

NEspA komencas organizi la 9-an Himalajan Renkontiĝon okazontan en februaro de 2011. Broŝuron ni nun preparas por tio. 2011 estos turisma jaro en Nepalo, kaj ni esperu, ke multe da esperantistoj tra la mondo venos kaj partoprenos ĝin.

Fine, NEspA planas organizi regionan (sud-azian) seminarion, pri kiu ni diskutas nuntempe kun barataj samideanoj.

Bharat Ghimire <nespa_bharat@hotmail.com>

# Taĝikio

## Nova Lernolibro en Taĝikio




Antaŭ kelkaj tagoj en Taĝikio estis eldonita kaj presita la unua lernolibro pri Esperanto por taĝikparolantoj (mola kolora kovrilo, 378 paĝoj). La aŭtoro de la libro estas prezidanto de la Asocio de esperantistoj de Taĝikio s-ro Firdaŭs Ŝukurov. La lernolibro enhavas koncizan gramatikon, specimenojn de tradukaĵoj (kantojn, anekdotojn, proverbojn), konversaciaron, taĝikan-esperantan-rusan kaj esperantan-taĝikan-rusan vortaretojn, skizan informon pri la taĝika en Esperanto kaj kelkajn dokumentojn pri UEA kaj UNESKO.

Enkondukajn vortojn al la libro verkis akademiano de la Akademio de la sciencoj de Taĝikio, honora membro de AET prof. Usmanov Z.Ĝ. Li alte taksis la aperon de la unua libro pri internacia lingvo. Aspirantoj de prof. Usmanov analizis Esperanto-tekstojn kaj

sur tiu bazo kreis oftecan vortaron. Plua laboro ĉi-direkte estas konstrui modelon de la taĝika lingvo kaj poste krei tradukprogramon de la taĝika al Esperanto kaj inverse. Prof. Usmanov estas konvinkita, ke por traduki el unu lingvo al la alia oni devas uzi kiel perantan lingvon – Esperanton.

La Esperanto-movado aperis en Taĝikio en 1981 pere de la fondo de la unua E-Klubo “Montara torento”. En 1983 la eldonejo “Doniŝ” (Scio) de la Akademio de la sciencoj de Taĝikio aperigis lernolibron de B. G. Kolker (por rusparolantoj). En 1985 apud ĉefurbo Duŝanbe okazis Mezazia E-tendaro (MET). Sojle de tiu granda evento la eldonejo “Scio” eldonis Rusan-Esperantan vortaron de E. A. Bokarev (1000 ekz).

En 1987 s-roj V. I. Kiseljov kaj F. Ŝukurov pretigis artikolaron “Geologio internacia” (7-a numero), dediĉitan al 100 jariĝo de Esperanto. Ĝin eldonis la eldonejo “Scio”. Ĉar mankegis tiam Rusa-Esperanta vortaro de Bokarev, la eldonejo “Taĝikia Soveta enciklopedio” eldonis ĝin en 1989 grandkvante (50 000 ekz). Al la libro estis aldonita vasta artikolo de F. Ŝukurov pri la historio de internacia lingvo. Fama rusa poeto-tradukisto B. Tornado esperantigis versojn de fondinto de la klasika taĝika literaturo A. Rudaki. La eldonejo “Taĝikia Soveta enciklopedio” eldonis ĝin en 1991 (respondeca redaktoro F. Ŝukurov).

La Klubo “Montara torento” en 1991 estis transformita al Societo de esperantistoj de Taĝikio, kiu en 2005 estis refondita al la Asocio de esperantistoj de Taĝikio.

Post la disfalo de Soveta Unio multe da rusparolantoj elmigris el Taĝikio. Nova generacio de taĝikoj malbone komprenas la rusan. Tiam aperis akra bezono havi iun lernolibron por parolantoj de la taĝika lingvo. S-ro Ŝukurov pretigis la trilingvan vortaron kaj koncizan gramatikon, sed pro la manko da financaj rimedoj ne povis eldoni ilin. Nur sojle de ĉi-jaro, danke al parta subvencio de KAEM de UEA kaj helpo de ges-orj Dina Newman (Britio) kaj Kimio Yamaguchi (Japanio) nia revo realiĝis.

La eldonejo “ER-Graf” eldonis la libron “Internacia lingvo

Esperanto” (por taĝikparolantoj, 500 ekz), dediĉitan al 150 jariĝo de nia majstro L.Zamenhof.

Certe la apero de la lernolibro donos bonan impulson al nia E-movado kaj allogos adoleskulojn kaj gestudentojn al la konatiĝo kaj lernado de ĉi mirakla lingvo.

F. Ŝukurov, prezidanto de AET <firdaus@espero.tajik.net>
Ĝ. Fajzullaev, estrarano de AET

## Kamboĝo

### Movado Estas Malrapida, sed Ni Agadas




Movado de Esperanto en Kamboĝo estas malrapide. Kelkaj homoj diras, ke per Esperanto oni ne povas gajni monon por vivo, do oni ne volas uzi tempon por Esperanto. Kvankam iuj pensas tiele, mi ankoraŭ klopodas.

En aŭgusto 2009 mi komencis la kurson de Esperanto en Pnompeno, en kiu 22 studantoj lernis. Nun kelkaj el ili povas uzi Esperanton. Mi trejnas ilin por ke ili estu instruisto de la Asocio.

Sokha Chhim" <chhim.sokha@yahoo.com>

## Israelo

### Israela Kongreso de Esperanto

La Israela Kongreso, antaŭe nomata KIES (Komuna Israela E-Semajnfino) okazis la 11-an fojon, ĉi-foje en la norda urbeto Kacrin, la 20an – la 22an de majo. Partoprenis 30 personoj, du el eksterlando (Germanio). La ĉi-jara nombro de kongresanoj estis signife malpli granda kompare al la pasintjara kongreso en Pac-oazo, tre verŝajne pro la granda distanco al la centro de la lando. Okazis tut-tagaj kaj duon-tagaj ekskursoj al diversaj interesaj lokoj en Kacrin kaj la ĉirkaŭaĵo. La kleriga programo inkluzivis prelegon kun lumbildoj pri Kubo kaj prelegoj pri la ĉeftemo: Humuro. La vespera distra parto inkluzivis sociajn lingvajn ludojn por komencantoj kaj progresantoj, aktivigo per kartoj, ventro-dancado kaj kvizo. Partoprenis pluraj gejunuloj kaj unuafoje estis planita aparta junulara programo.

Fotoj kun E-subtitoloj videblas ĉe:
<http://picasaweb.google.com/Amri.nivut/KIES11IK2010>

Por la eksterlandaj partoprenantoj (bedaŭrinde nur du, malgraŭ intensa reklamado) oni organizis antaŭ-kongresan ses-tagan ekskurson al Jerusalemo, la Morta Maro, Negev (suda dezerta regiono de Israelo), la Ruĝa Maro kaj Jordanio (i.a. Petra), kaj du-tagan postkongresan ekskurson en la Galileo (i.a. Nazareto, Haifo, Akko).

Amri Wandel, Prezidanto de E-Ligo en Israelo <amri@huji.ac.il>

## Koreio

### Agadoj en Diversaj Kampoj

**1. Esperanto-vortaro en interreta versio**

S-ro Nomota (Skajpnomo: nomotasaluton), profesia programisto faris interretan vortaron (http://www.mobigen.com/~hiongun/m), utiliginte la faman vortaron de la pioniro Hajpin Li. Malsame al la

ordinaraj elektronika-vortaroj, lia algoritmo serĉas ne nur titolvortojn, sed ankaŭ la klarigo-enhavojn de ĉiuj vortoj, kaj ĝia serĉrezulto estas ambaŭdirekta kaj sufiĉe abunda. La interreta vortaro servas ankaŭ la anglan, japanan kaj ĉinan kun Esperanto.

**2. Esperanto-vortaro en poŝtelefono**

S-ro Nomota publikigis ankaŭ elŝuteblan elektronikan vortaron por uzantoj de la nova poŝtelefono 'iphone (Apple)'. Oni povas aĉeti kaj elŝuti el la 'Appstore'. Kaj nun s-ro LEE Mueun preparas por aliaj poŝtelefon-modeloj (ek. Omnia de Samsung), kiuj uzas la Vindozon utiligante vortarilon MDICT (senpaga softvaro farita de ĉino). Ilia laboro celas libere uzi Esperanto-vortaron per poŝtelefono.

**3. Grupa skribejo en Skajpo.**

Kuraĝigata estas uzado de grupa skribejo en Skajpo. Per la grupigo, Koreaj esperantistoj estas kuraĝigataj uzi Skajpon por ke oni senĝene senadiaŭe babilu, diskutu kaj studu kune. Nun kelkaj grupkonferencoj estis malfermitaj. 'Kafejo Akvo' por tuta korea esperantistaro, 'Verda Akademio' por kunstudi kaj 'Filio Busan' por diskuti kun filianoj.

**4. ILEI-Koreio**

En marto unuaj 15 Esperantistoj membriĝis. La 17an de julio, ili havos la someran renkontiĝon en la urbo Kyungbuk, tiam varbante pliajn membrojn ili celas unue sistemigi la landasekcion mem kaj instrumetodojn per diskuto kaj raportoj de gvidantoj el la filioj.

**5. Temo de la landa kongreso**

La 42a Korea Kongreso okazos en la urbo Taegu la 23an-24an de oktobro. Sekvante la temon de la lastjara kongreso '10-jara strategio por Esperanto-movado en Koreio', la LKK anoncis varbadon pri komitatanoj kaj volontuloj el la tuta lando, ĉar la decidita temo de ĉi-jara landa kongreso estas 'Metodo de instruado'.

PARK Yongsung <esabpark@korea.com>

## La 29a Komuna Seminario en Hanojo

Mi honore informas vin, ke la 29a Komuna Seminario (KS) okazos en Hanojo la 18an – la 20an de decembro 2010 kun la ĉefa temo "Komunikiloj inter junaj esperantistoj". Mi sendas al vi la aliĝilon kaj programon de la venonta KS.

Por havi pli da informoj, bonvolu kontakti kun:

1. Nguyen Hoang Yen: keanu_magdark@yahoo.com
2. Nguyen Thi Phuong: au.ag.phuong@gmail.com

**ALIĜILO**

La 29-a Komuna Seminario 18 – 20.12.2010 en Hanojo, Vjetnamio

1. Nomo:
2. Naskiĝdato:
3. Sekso: Viro/Virino *(bv. rondigi)*
4. Lando, Adreso:
5. Retadreso:
6. Telefonnumero:
7. Vegetarano: Jes / Ne *(bv. rondigi)*
8. Kotizo: A B C *(bv. rondigi)*

| | | |
|---|---|---|
| Japanio, Koreio kaj aliaj landoj | 2,500,000 VND | A |
| Ĉinio, studentoj de Japanio kaj Koreio | 2,300,000 VND | B |
| Vjetnamio kaj Sud-aziaj landoj | 2,000,000 VND | C |

(La kotizo inkluzivas manĝadon kaj loĝadon por 2 noktoj kaj turismoj)

*Vi povas pagi la kotizon al la konto: 0011370320131 Banko: VIETCOMBANK - OPERATION CENTER, HANOI, VIETNAM (Bank For Foreign Trade of Vietnam-Operation Center) CIF kodo: 0169843 Swift-kodo: BFTVVNVX-001

HOI QUOC TE NGU ESPERANTO VIET NAM (Vjetnama Esperanto-Asocio)

*Ankaŭ vi povas pagi surloke sed unue, bonvolu sendi al VEJO vian aliĝilon.

Dato Subskribo

## Provizora programo de la 29a KS

**La 18an de decembro 2010**

14:00 – 16:00 Akceptado kaj informado
16:15 – 17:15 (plenigota)
18:00 – 19:30 Vespermanĝo
20:00 – 23:00 Interkona vespero

**La 19an de decembro**

7:30 – 8:30 Matenmanĝo
9:00 – 10:00 Inaŭguro
10:00 – 11:00 Renkontiĝo inter Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj, Vjetnama Esperanta Asocio kaj KS-aj partoprenantoj
11:30 – 12:30 Tagmanĝo
13:30 – 15:00 Diskutado pri la ĉefa temo de 29a KS "Komunikiloj inter junaj esperantistoj"
15:15 – 17:30 Samtempaj agadoj:
Vjetnama lingvo, Esperanto por komencantoj, Japana "origami" (paperfaldado), Vjetnamaj kantoj, Yumeiho
18:00 – 19:30 Vespermanĝo
20:00 – 23:00 Viziti noktan bazaron kaj malnovan kvartalon de Hanojo en la urba centro. Vizitado al Akvopupa teatro

**La 20an de decembro**

7:30 – 8:30 Matenmanĝo
9:00 – 12:00 Ekskursoj al la maŭzoleo de Ho Chi Minh, kaj templo pri literaturo kaj nacia etno-muzeo kun ekster-agadoj.
12:30 – 13:30 Tagmanĝo
14:00 – 15:30 Fermo
16:00 – 17:00 Adiaŭo

Bonvenon al Vjetnamio!
Ni elkore atendas vin.



## Movado

### Ni Parkere Kantu la Himnon “La Espero”

Mi organizis "Societon por parkere kanti la himnon La Espero". Dum la longa tempo mi mem ne povis parkere kanti la himnon "La Espero". Tio estas tre hontinda afero por esperantistoj, precipe por estraranoj de landaj asocioj kaj por veteranaj esperantistoj. Ni ne dependu de la kongreslibro, kiam ni kantas la himnon en la Inaŭguro kaj la Fermo. Ni kantu kun nia vizaĝo rekte direktita al la verda standardo.

Kiam ni povos kanti la himnon parkere, ni povos havi pli da memfido pri nia Esperanto-kapablo. Ni povos senti, ke ni eniras en pli altan nivelon. Kongresoj estos pli viglaj kun laŭtaj voĉoj. Parkeraj kantadoj certe progresigos la movadon.

Nia organizo estu jene:

1. Estraro: (provizore) HORI Jasuo, HOŜIDA Acuŝi, TAHIRA Masako (Nuntempe ĉiuj estas japanoj)

Poste ĉiuj landoj havu sian propran estraron.

2. Eldono de atestiloj

1) Ni, tri estraranoj, ekzamenos kandidatojn. Kiam ni konstatas, ke tiuj povas parkere kanti la himnon, ni donas al ili atestilon pri tio.

2) Tiuj sukcesintoj havas rajton ekzameni aliajn kandidatojn, kaj kiam tiuj sukcesos, laŭ iliaj rekomendoj la Societo donos al tiuj novaj sukcesintoj la atestilon. Tiamaniere ni plimultigos la sukcesintojn.

3) Se eblos, ni havos kunsidojn en diversaj kongresoj kaj seminarioj.

Ni atendas vian helpon kaj partoprenon en tiu projekto.

HORI Jasuo (s-ro) <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

**Letero de s-ro Makino Micuo (japano)**

Mi celas disvastigi la himnon “La Espero” kaj la kanton “La Tagiĝo” en lernejojn en Japanio por ke lernantoj havu intereson pri Esperanto, kaj tiamaniere ni povos vaste transdoni nian idealon Homaranismo al multaj homoj.

Makino Micuo <coapan@ze.catv-yokohama.ne.jp>

# === Esperanto-eventoj 2010-2011 ===

## Azio

## 2010

8.2 ~ 11 / Somera Seminario de ILEI-Ĉinio / Taiyuan, Ĉinio
8.8 ~ 11 / La 5-a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado / Seulo, Koreio
8.20 ~ 22 / La 6-a Ĉina Nordorienta Esperanto-Kongreso / Dandong, Ĉinio
9.10 ~ 12 / La 4a Zaozhuang-a Internacia Festivalo de Esperanto / Zaozhuang, Ĉinio
10.2 ~ 3 / La 74a Hokkajda Kongreso / Sapporo, Japanio
10.9 ~ 11 / La 97-a Japana Esperanto-Kongreso / Nagasaki, Japanio
10.23 ~ 24 / La 42-a Korea Esperanto-Kongreso / Koreio
11.6~7 / La 51a Tohoku-Kongreso de Esperanto / Morioka, Japanio
11.6 ~ 7 / La 11a Esperanto-Kongreso en Ĉuugoku kaj Ŝikoku / Higaŝi-Kagaŭa, Kagaŭa, Japanio
12.18 ~ 20 / La 29-a Komuna Seminario (KS) / Hanojo, Vjetnamio

## 2011

10.7 ~ 9 / Komuna Kongreso de Esperanto inter Koreio kaj Japanio aŭ inter Japanio kaj Koreio / Seongnam proksime de Seulo, Koreio

*Samloke kaj samperiode okazos La 43a Korea Kongreso de Esperanto kaj La 98a Japana Esperanto-Kongreso.

## Ĉefaj Aranĝoj en la Mondo

1. 29 ~ 31 / Nacia Kongreso Nov-Zelando / Wellington
7.17 ~ 24 / La 95a Universala Kongreso / Havano, Kubo
7.24 ~ 31 / La 66-a Internacia Junulara Kongreso (IJK) / Los Cocos, Santa Cruz del Norte, Kubo
2011.7. / La 96a UK / Kopenhago, Danlando
2012 / La 97a Universala Esperanto-Kongreso / Hanojo, Vjetnamio

# Paĝoj de KAEM

## Projektoj de KAEM

**Projekto A: Azia Kongreso**
A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.
A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp., per la subvencio el Fondaĵo Azio.

**Projekto B: Kunlaboro**
B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso.
B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso.
B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, aprilo, julio kaj oktobro ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.
B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:
Japanoj・Israelanoj: 20 eŭroj, Koreoj: 10 eŭroj,
Ĉinoj: 5 eŭroj, Alilandanoj: 2 eŭroj
B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.
B-6: Eldoni "Jarlibron" ĉiun jaron.
B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj.

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**
C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA.
C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA.
Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton. (Vidu la detalan regularon).
C-3: Membrigi junajn Esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.
*"Juna amiko" eldoniĝas 3-foje jare. Tarifo estu 3 eŭroj laŭ tiu ĉi aranĝo (kompare kun plena tarifo de 12 eŭroj).
C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-konferenco pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono.

**Projekto Ĉ: Edukado**
Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj (Vidu la detalan regularon).

Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj.

**Projekto D: Esperanto-libroj** (Vidu la detalan regularon)
D-1: Eldoni necesajn librojn.
D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj.
D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio.
D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp. al kluboj, asocioj.

## Novaj KAEM-anoj

1. Koreio: S-ro PARK Yong-sung <esabpark@korea.com>
2. Vjetnamio: S-ro Hoang Ngoc Boi
   <amarateo@gmail.com> <boihn.gm@vietsov.com.vn>
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang <wrxzj@tom.com>
4. Barato: s-ro Ranganayakulu <ranganayakulu@gmail.com>
5. Japanio: s-ro SASAKI Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
6. Pakistano: S-ro Muhammad Zubair <zurnab_pk@yahoo.co.in>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
8. Nepalo: S-ro Mukunda Raj Pathik <mpathik@gmail.com>
9. Taĝikio: S-ro Fajzullaev Ĝamŝid <fajzullaev@yandex.ru>
10. Israelo: s-ino Esther SEBBAN <esti33333@hotmail.com>
11. Mongolio : S-ro Chimedtseren Enkhee <enchjo@yahoo.com>

**Kunlaborantoj de KAEM**
Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado de “Esperanto en Azio”)
s-ino TAHIRA Masako (provlego)
s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)

---

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0822 Gunma-ken Maebasi-si Simosinden 10-27